BULTENO de la Internacia Federacio Esperantista Fervojista



Sekretariejo: Orteliusstraat 108/III, Amsterdam, Nederlando
Redaktejo: von Liebigweg 26, Amsterdam,

JARO 7a No.6
AUGUSTO 1955

## AUSTRIO ESTAS LIBERA - BONAN VETURADON POR LA OeBB !

Post tiom da tempo, post tiom da jaroj de nelibereco, Austrio nun estas denove memstara ŝtato. La OeBB (Austriaj federaciaj fervojoj) aparte salutas tiun aferon, ĉar tio tre faciligas al ĝi la plenumon de siaj multaj taskoj. La OeBB ne nur rekreis en la pasintaj dek jaroj la antaŭmilitan staton, sed ankaŭ plibonigis ĝin, malgraŭ la ĉeestado de la kvar super nia dorso disputantaj venkintaj okupantoj.

La prosperado de la OeBB estas inda parto de la tiel-nomata *Austria miraklo*. Ĉiuj kunlaborintoj povas esti fieraj pri tio, ĉar tio estas signo de patriotismo, de persisteco kaj de konfideco al la nova ŝtato.

La heredaĵo de la milito estis terura. Ĉirkaŭ 2510 km, t.e. 40% de la tuta fervoja reto ne estis vetureblaj, kaj 381 pontoj detruitaj, inter kiuj kvin de la ok trans la riverego Danubio kondukantaj pontoj. 70% de la riparejoj estis ruinoj. Sed la austrianoj ne malesperis, ili komencis forviŝi la postsignojn de la mondmilito. La 14an de oktobro jam la unua Arlberg-ekspres-trajno veturis ĝis Vieno. Grandaj klopodoj estis necesaj rilate la lokomotivaron kaj veturilaron. 75% estis detruitaj. La plimulto de la lokomotivoj kaj veturiloj estis konfiskitaj flanke de la okupantoj, kiel la tiel-nomata *germana propraĵo*.
Nur en la jaro 1948 la OeBB estis rajtigataj establi propran lokomotivaron. Kaj ankoraŭ poste, en la jaro 1949, la OeBB estis devigata fordoni pli ol 600 plentaŭgajn lokomotivojn al okupanto. Kaj ankaŭ 1200 vojaĝvagonojn kaj 6200 ŝarĝvagonojn : granda nombro por tiel malgranda lando.

Paŝon post paŝo ni persiste venkis ĉiujn malfacilecojn kaj eĉ superis la antaŭmilitan staton: kontraŭ la jaro 1937 ni veturis en 1954 16,6% pli da km kaj 42% pli da bruto-tuno-kilometroj.
Tiu grandfaro estis ebla per sistemata elektrigado de niaj linioj.
Ĝis nun 22% de la tutaj linioj estas elektraj, sur kiuj 48% de la trafika volumo estas plenumigata. Laŭ la programo ĝis la jaro 1963 40% de ĉiuj linioj estos elektraj, sur kiuj pli ol tri kvaronoj de la transportvolumo estos majstrataj.
288 novaj elektraj lokomotivoj post la milito estas per la industrio jam liveritaj aŭ ankoraŭ (ĝis 1963) menditaj kaj planitaj.
La aliajn, duagradajn liniojn ni diesel-igos, precipe ankaŭ la kunmetadon en la stacioj.

Nia programo do estas grandioza, preskaŭ utopio por tiu tiel malgranda lando. Sed certe, kiel ni sukcesis forigi la postsignojn de la milito, tiel ni ankaŭ faros Austrion feliĉa, belega, vizitinda ĝardeno, neŭtrala en la tiel malkvieta mondo.

Dipl. Inĝ. Tschom.

**PROTOKOLO PRI LA KUNVENO DE LA TERMINARA KOMITATO**

Ĉi tiu bone vizitata kunveno okazis lundon la 9an de majo je la 16.30a horo en Limmathaus, Zurich.

Laŭ deziro de la ĉeestantoj, ĉefestrarano De Jong prezidas la kunvenon. En mallonga enkonduka parolado li bonvenigas la gekolegojn kaj skizas la nunan staton de la priterminara laboro jene:

Post la eksiĝo de s-ro Pape mankas iu ĝenerala gvidanto por la komitato, kaj ŝajnas malfacile persvadi la malmultajn kompetentulojn en nia propra rondo okupi la vakan lokon. La tasko estas tro temporaba kaj postulas krom profundan lingvokapablecon ankaŭ vastan scion pri la fervoja tekniko en ĉiuj siaj nuancoj. Nia organizo estas ankoraŭ juna kaj tiaj spertuloj ne jam abundas en ĝi. Entuziasmo ofte devas anstataŭi la mankon pri sperto. Sed entuziasmo, kvankam nepre necesa, ne ĉiam sufiĉas por la bona plenumado de la laboroj, precipe kiam temas pri la malfacila tasko kiun prenis sur sin la anoj de la Terminara Komitato. Ofte ili bezonas helpon kaj konsilon de eminentuloj el la ĝenerala movado. Estas la granda merito de s-ro Blondeaux, ke li neniam hezitis peti konsilojn de samideanoj havantaj multjaran sperton en lingvaj kaj fervoj-teknikaj aferoj.

Malgraŭ tio, ke li ne povis akcepti la gvidan taskon en la komitato s-ro Blondeuax grave stimulis la laboron en la pasinta jaro, kaj pro tio li meritas nian koran dankon.

En ĉi tiu kunveno ni klopodas trovi novan gvidanton por T.K. kaj poste ni decidu ĉu daŭrigi, ĉu provizore interrompi la terminaran laboron. Por ke ni estu bone informitaj pri la jam farita kaj la ankoraŭ farota laboro ni volonte aŭskultas unue iun ĝeneralan superrigardon de s-ro Blondeaux kaj poste la raportojn de kunlaborantoj el la diversaj landoj.

Blondeaux esprimas dankon al la pioniroj Rebiĉek kaj Rosher pri la grava helpo kiun li spertis de tiuj samideanoj.
Post la kongreso en Utrecht la francoj daŭrigis la laboron, Fraŭlino Lemonnier petis al la franca fervojo administracio permeson traduki la *LEXIQUE TECHNIQUE FERROVIAIRE* kaj kun la jesa respondo ŝi ricevis la sciigon, ke la franca fervojo S.N.C.F. intencas eldoni novan Terminaron 5-lingvan. Ili konsideras la eblon aldoni al tiuj lingvoj ankoraŭ Esperanton, kaj se efektiviĝos tiu plano, ili petos por la bona plenumado la kunlaboro de IFEF.
Ĉi tiu favora respondo, kaj ankaŭ la brila venko de Esperanto en Montevideo devas stimuli nin por la obstino daŭrigi nian laboron.

Kiel pruvon de la senlaca laborado de la francoj li prezentas la

tradukon de 5000 vortoj el LEXIQUE TECHNIQUE FERROVIAIRE kaj li esperas ke ankaŭ la aliaj landoj plenumis la taskon akceptitan en Verona.

Prezidanto De Jong kore dankas Blondeaux kaj ĉiujn liajn helpantojn pro la giganta laboro kiun ili faris. La ampleksa kaj bela kajero kun 5 000 terminoj, kiun pretigis la francoj, estas pruvo de laboremo kaj kapablo pri kiuj nia movado povas fieri.

Li donas la parolon al la aliaj landaj delegitoj por raporti pri la laboro farita en la pasinta jaro.

Christoffersen (Danio) sciigas ke la danoj tradukis keljajn partojn pri lokomotivoj el la vortaro de Roŝher. La dua parto estas preta, sed poste la afero stagnis, ĉar ili vane atendis la menditan kajeron el Francio.

Hogendijk (Nederlando) tradukis la 1an kaj 2an ĉapitron el la vortaro de Roŝher. Li plendas ke tute sola li devis fari tiun laboron, ĉar la nederlanda gvidanto ne estis aktiva, kaj fine sciigis ke li ne povas daŭrigi la laboron.

La prezidanto de la nederlanda fervojista rondo interrilatis kun la gvidanto, sed ricevis respondon nur du semajnojn antaŭ la kongreso; tro malfrue por entrepreni ion favore al pli bona progreso de la afero.

Kvankam li ne estas ano de la T.K., s-ro Labordus emas daŭrigi la laboron, kaj li promesas, ke li klopodos trovi kun laborontojn, por ke Nederlando en la Stokholma kongreso povu prezenti iun terminaron Esperanto-Nederlandan.

Ohlson (Svedio) estis devigata prokrasti la laboron pro longdaŭra malsano. Sed jam la tasko progresas, kaj li promesas, ke en la Stokholma kongreso estos preta la terminaro Esperanto-Sveda.

Simon (Germanio) laŭdas la laboron de Blondeuax, ĉar li men spertis kiom temporaba estas la laboro. La scio, ke la pretigo de kompleta fervoja terminaro postulos multajn jarojn ne timigu nin, nek bremsu nian entuziasmon. En la tuta mondo ne ekzistas kompleta teknika vortaro. Li daŭrigos la laboron, sed ne povas akcepti la ĝeneralan gvidadon, kiun taskon li volonte asignus al Blondeaux.

Kiel pruvon de efika laborado en Germanio, li prezentas la Germanan tradukon de la vortaro de Roŝher aperinta en la jarlibro de U.E.A. 1952.

Blondeaux, parolanta por la franca rondo rimarkas ke efektive la prestigo de fervoja terminaro postulas multajn jarojn. Post la streĉa laborado de la pasinta jaro li bezonas iom da ripozo, tial li nepre ne povas akcepti la gvidadon de la nunjare farotaj laboroj. Estis tre malfacile trovi en propra rondo kompetentulojn por helpi en la laboroj, kaj tial li volonte akceptis la helpon de ne-esperantistoj. La franca rondo elspezis por la afero jam 30.000 frankojn. Malgraŭ ĉiuj malfacilaĵoj, ili akcente konsilas daŭrigi la laboron.

La prezidanto ĝojas ke ankaŭ la germanaj komitatanoj prezentis en ĉi tiu kunveno iun konkretan rezultaton de ilia laboro. Li kore dankas s-ron Simon kaj liajn helpantojn pro tio kion ili faris. Cetere ankaŭ la aliaj kunlaborantoj meritas dankon, ĉar ili sendube laboris laŭpove. Li bedaŭras, ke ankoraŭ neniu anoncis sin por gvidi la komitaton. Malgraŭ tio, pluraj landoj esprimis la deziron daŭrigi la

laboron. Tial li proponas, ke la landoj en kiuj la afero iom stagnis, prezentu en la venontjara kongreso la tradukon de la vortaro de Roŝher kaj se eble ĉiuj landoj traduku la esperanto-terminojn el la kajero ĝus prezentita de la francoj. En la kongreso en Stokholmo ni decidu, ĉu ni povos tamen daŭrigi la laboron sen iu ĝenerala gvidanto.

Post kiam ĉiuj ĉeestantoj aklame akceptis la proponitan taskon, prezidanto De Jong fermas la kunvenon je la 18a horo kun kelkaj instigaj vortoj.

Kompilis Drijfhout.

## ŜANĜO EN NEDERLANDA TERMINARA KOMITATO

Interesuloj bonvolu sendi ĉiujn korespondaĵojn por la nederlanda Terminara Komitato al J.J. Labordus, Kenaustraat 26, Utrecht.

## LABORKUNSIDOJ

La prezidanto de I.F.E.F., S-ro W.Stapel, tutkore salutas la ĉeestantojn, la delegitojn el la 14 reprezentataj landoj kaj precipe tiujn, kiuj faris tre longan vojaĝon por partopreni al nia ĉiujara manifestacio. Ni venis el ĉiuj direktoj al nia 7a kongreso en Zürich ne nur por pritrakti la punktojn de la tagordo sed ankaŭ por montri nian firman kredon en la finfina venko de nia kara lingvo. La unuaj sciigoj de la LKK ne estis esperigaj sed lastmomente anoncis sin multaj gekolegoj, kies deĵordevoj ne pli frue garantiis absolutan eblecon partopreni al ĉi tiu kongreso. La mondsituacio montriĝas pli bona sed sur la ĉielo ankoraŭ ŝvebas nuboj kaj kultura laboro postulas trankvilan sferon.

Laŭ la ciferoj en la jarraportoj ni ne rajtas plendi ĉar IFEF kontentige kreskis, aliĝis tri novaj landaj sekcioj en Hispanio, Jugoslavio kaj Sarlando, en diversaj landoj kursoj estas organizitaj, el kio rezultiĝis, ke la membronomobro plialtiĝis al 1720.

En la Administracioj kaj Direkcioj Fervojaj iompost iom venas pli da kompreno pri nia kultura organizo, krome grava kaj ĝojiga por ni ĉiuj estas la rezultato en Montevideo atingita.

Multajn laŭdojn kaj dankleterojn ni ricevis pri nia Bulteno, ĝi estas modesta laŭ amplekso kaj formato sed respondas plene al la celo, kaj estas la nura kontaktilo inter niaj fakkolegoj en la mondo.

La ĉefestraranoj harmonie kunlaboradas sed iompost iom la cirkonstancoj trudas al ni la neceson serĉi anstataŭontojn. Post kelkaj jaroj la munaj estos pensiumitaj kaj tiam la gvidado transiru en aliajn manojn. Tiu ĉi afero ne tre urĝas sed dum la deka kongreso oni nepre elektu novan estraron.

La rilatoj kun aliaj mondorganizoj estas bonaj kaj en la kadro de la ĝenerala Esp-movado IFEF, kiel faka organizo, plenumas sian taskon laŭpove. Ĝojinda estas la daŭre kreskanta interesiĝo en tiu medio pri nia fakmovado, el kio rezultiĝis regula interŝanĝado de la organoj.

En la pasinta jaro ni denove perdis kelkajn aktivajn anojn pro morto. Estas Fritsche el Aŭstrio kaj J. Sterken kaj J. Smit el Nederlando. Ili donis siajn plej bonajn fortojn dum la vivo al nia movado kaj mi petas al vi ekstari por honori ilin en momento de silento........ ke ili ripozu en paco.

Kvankam la nuna situacio en nia organizo do prezentas relative favoran aspekton, estas tamen necese, ke ni restu aktivaj, seriozaj kaj akurataj. I.a. estos necese, ke landaj rondoj plenumu la kongresdecidojn, serioze ekzamenu la direktivojn kaj konsilojn de la ĝenerala sekretario, koncernantaj la membroregistradon kaj administadon. Tio garantios seninterrompan prosperon, ankaŭ en la venontaj jaroj.
La Fervoja Terminaro estas urĝe necesa. Tiu laboro estas tre malfacila sed dank' al la senlaca laborado de S-ro A. Blondeaux kaj liaj kunlaborantoj en la komitato ni nun posedas Fervoj-teknikan Leksikonon (Franca-Esperanta), enhavanta 5000 terminojn kaj preta por esti tradukata en la ceteraj naciaj lingvoj. Ni ne surfiĉe povas laŭdi S-ron Blondeaux kaj la komitatanojn pro la meritojn al nia Faka movado kaj precipe al IFEF, en kiu ankaŭ la Franca sekcio plenumis gravan rolon.

Ankaŭ la fak-prelegoj en la kongresoj estas tre gravaj, per kio ni povas montri apud la terminara laboro rezultatojn. Ke la diskutoj okazu en amikeca sfero, mi malfermas la laborkunsidojn.

S-ro Rummel, prezidanto de la Sociala Organizo Germana, transdonas la sincerajn salutojn al estraranoj kaj ĉeestantoj nome de tiu fervoja organizaĵo, kiu okupas sin pri la edukado kaj klerigado inter la Germanaj fervojistoj, do ankaŭ pri Esperanto. Estas diversaj kulturaj organizaĵoj inter la fervojistoj, laŭnombre eĉ pli grandaj i.a. la ŝakludantoj. Tamen laŭ la opinio de la Organizo la Esperanto-grupo estas pli grava kaj sendube meritas nian plenan subtenon.
La IFEF-prezidanto kore dankas S-ron Rummel pro la afablaj kaj instigaj vortoj, esperante, ke nia movado pli kaj pli montru la subtenon, de altaj instancoj en nia fervoja medio, inda.

S-ro Otto Walder parolas nome de UEA, SAT, kaj la Svisa Esp-movado. Jam la kvaran fojon li nome de UEA salutas nian kongreson, ĉar UEA ne subtaksas la gravan laboron de IFEF kiel faka organizo. Li skizas la gravan rezultaton en Montevideo kaj laŭdas Prof. Lapenna pro la bona laboro tie. Per celkonscia kunlaborado ni atingos la celon.
SAT elektis junan k-don por transdoni al nia kongreso la bondezirojn sed pro laborcirkonstancoj li ne povas ĉeesti, pro tio S-ro Walder anstataŭas lin. Ankaŭ la Svisa Esp-Asocio sendas salutojn kaj deziras, ke la kongreso havu bonan rezultaton. Vi povas esti certaj, ke nia organizo klopodos rikolti la fruktojn de via nuna semado. Inter LKK kaj SEA estas plena kunlaboro, ĉestis en la solena malfermo pli ol la duono de la anoj kaj la Zürich-aj anoj helpis multe kaj prizorgis i.a. la gvidadon de la alvenintoj al hoteloj ktp.
Post la malfermo kaj la salutparoladoj sekvis punkto dua de la tagordo:
Envenintaj leteroj:
Impona estas la nombro da ricevitaj telegramoj kaj salutleteroj, entute dekoj da, el kiuj estas la plej gravaj: De la Transportministro Bulgara

por la Bulgara ŝtatfervojo, la ĝenerala Direktoro de la Francaj Fervojoj, la Direkcio de la Sarlandaj Fervojoj, la ĝenerala Direktoro de la Danaj Fervojoj, la president-Direktoro de la Nederlandaj Fervojoj, la Germana Fervoja Direkcio, de la Hispana Fervoja Departemento, Dr-o Haustein, Hauptverwaltungsdirigent de la Germanaj fervojoj, Sarlanda Fervojista sindikato, Sindikato de la anglaj lokomotivistoj, la Nacia unuiĝo de fervojistoj en Londono, La Svisa poŝt-, telegraf- kaj telefonservo, la Svisa Nacia Biblioteko, La Nederlanda sindikato de transportpersonaro, de la fervojistaj esperantistoj en Dêĉin, ĉeĥoslovakio, de la Glasgova fervojista grupo, de la Sicilia gesamideanaro, de Heroldo de Esperanto, de la Brita Esp-Asocio, de la fako *Centro de Esploroj kaj Dokumentado de UEA, de la Svisa Esp-Asocio, la prezidanto de la Hispana Esperantista Fervojista Asocio, Puertolas, de la Terminara Komitatano, S-ro Lienhardt, de la Hispanaj kolegoj Carlos Martinez en Sevilla kaj Ramon Molera el Moya, de la germana kolego Gerhard Schneider el Schwerte, ktp.

Kun sincera danko kaj forta aplaŭdo la salutoj de la kongreso estas akceptataj.

Punkto 3a, Raporto pri la Verona kongreso, estas sen rimarkigoj aprobata.

Punkto 4a, Pritraktado de la jarraportoj. La jarraporto de la sekretario ne provokis debatojn pri ĝi. En la kunveno de estraranoj kaj landaj delegitoj la sekretario jam esprimis sian kontentecon pri perfektiĝoj en la interrilatoj kun la landaj estraroj. Perfekta kaj akurata administrado restu la fundamento sur kiu ni komune elkonstruadu nian organizon, kiu siavice donas al la sekretario ĝenerala eblecon prezenti al la kongresoj realan bildon pri la laboroj faritaj kaj la prezentataj perspektivoj. La raportoj de la landaj sekcioj estis vere altnivelaj kaj esperigaj. Sen rimarkigoj sed kun laŭdo la sekretaria raporto estas aprobata.

Labordus (Nederlando) rimarkigas pri la kasista raporto, ke la kasisto en Verona promesis fari bilancon kaj budĝeton sed li ne faris tion.

LOK, la ĝenerala sekretario, diras, ke pro spacmanko en nia Bulteno kaj precipe en la du lastaj aperantaj antaŭ la kongreso, la raportoj nur povas esti ekstreme koncizaj. Tion ankaŭ la ĉefestraro bedaŭras sed ĝuste en tiuj numeroj aperu la plej gravaj informoj pri la alproksimiĝanta kongreso. La verkantoj de la jarraportoj do ankaŭ atentu la amplekson de nia organo.

Labordus opinias, ke tio ne postulas multe da loko kaj ĉar la estraro konsentis en Verona, ĝi devas tion plenumi.

La Kasisto Biesheuvel diras, ke Labordus estas prava do venontjare la financa raporto estos tia, kia oni deziras ĝin.

Bipp (Svisio) esperas, ke la Bulteno povos fariĝi pli granda post la akcepto de pli alta kotizo.

La redaktoro, de Jong, atentigas, ke pli granda gazeto postulas pli da kunlaborantoj kaj pli da meaterialo. Li esperas, ke el la landoj venos multe da gravaj artikoloj, tradukitaj el fervojaj Revuoj de niaj membroj mem ktp. Oni do ne nur sendu la ĵurnalojn kun artikoloj en diversaj naciaj lingvoj sed nepre aldonu la tradukon de la koncernaj artikol-

oj, por ke ni ne maltrafu la veran celon.
Brandstrup (Danio) laŭdas la laboron de la ĉefestraro, post kio kun aplaŭdo ĉiuj raportoj estas aprobataj.
Punkto kvara, Kongreso Regularo:
La prezidanto enkondukas la temon dirante, ke S-ro Walder (Svisio) kaj S-ro De Bruyne ( Belgio) en Verona akceptis la taskon kompili tian regularon. Ili plenumis tiun taskon kaj prezentis la koncepton al la membraro en nia Bulteno. Tamen la Germana sekcio en la estrar- kaj delegitara kunveno disdonis al la delegitoj tute alian koncepton. Ni, en la ĉefestraro, pristudis nur tiun de Walder kaj De Bruyne sed ne estas tempo por pristudi la germanan. Ni do decidu kion fari, prokrasti ĝis la kongreso en Stokholmo aŭ nur pritrakti tiun de la kolegoj Walder kaj De Bruyne.
Giessner (Germanio) petas senkulpigon pro la malfrua ensendo, kion kaŭzis malsaneco kaj aliaj malhelpaĵoj. Li proponas ne tro rapide pritrakti ĉi tiun punkton de la tagordo.
Parry (Britio) opinias, ke ni nun pritraktu la koncepton de Walder kaj De Bruyne sed estus preferinde pritrakti ĝin en la lasta laborkunsido.
Olsson (Svedio) Prokrasti la pritraktadon ĝis la venonta kongreso en Stokholmo ŝajnas al li pli de irinde. F-ino Lemonnier (Francio) subtenas la opinion de Olsson. La kongreso decidas prokrasti la pritraktadon de la nova kongresregularo ĝis la venonta jaro.
Giessner ( Germanio) ĝojas pri la decido ĉar kelkaj punktoj devas esti nepre pli klaraj, krome la germanoj proponis multajn ŝanĝojn, kio certe forrabus multan tempon se la proponita koncepto estus nun pritraktata.
Sekeres ( Jugoslavio) opinias le decidon favora por ke ĉiu lando nun povu pristudi ambaŭ projektojn antaŭ Januaro.
Proponoj:
La 1a propono de Svisio: La raportoj de la landaj sekcioj enhavu nepre informojn pri la rilatoj kun la Fervoja Administracio, Fervojistaj sindikatoj, ceteraj kulturaj unuiĝoj fervojistaj kaj la cetera E-movado. Pri tiu ĉi temo parolis ĉiuj landaj delegitoj, kiuj ĉiuj estis por. La kongreso decidas, ke tiuj raportoj fariĝu punkto sur la tagordo de la kongresoj kaj ĉiu landa sekcio transdonu skriban raporton al la ĉefestraro kaj la landaj delegitoj resume raportu pri ĝi en la kongreso. Ne reprezentotaj sekcioj tamen ensendu tian raporton sufiĉe frue al la ĝenerala sekretario.

Dum kelkaj jaroj la landaj delegitoj jam raportis en la estrar- kaj delegitara kunveno pro kio IFEF akiris pli firman formon. La raportoj atingis en la daŭro de kelkaj jaroj nivelon, kiu necesigas aldoni punkton sur la tagordo de niaj kongresoj estontaj.
La delegitoj senescepte akceptas la proponon de Svisio.
La 2a propono de la ĉefestraro pri plialtigo de la kotizo:
Ankaŭ pri tiu ĉi temo parolis ĉiuj landaj delegitoj. Montriĝis ke ĉiuj estas por akcepti la propinon de la ĉefestraro escepte Nederlando. En Nederlando la prezoj kaj salajroj estas fiksataj de la registraro kaj sindikatoj. Labordus petas prokrasti la proponon ĝis pli konvena tempo.

Li timas perdon de membroj, precipe inter la pensiumitoj.
La ĝenerala sekretario LOK atentigas, ke li antaŭ la jarkunvenoj de la landaj sekcioj surfiĉe frue informis la koncernajn estrarojn pri la intenco de la ĉefestraro ensendi la kongresproponon pri plialtigo de la kotizo. Depost la fondiĝo en 1948 IFEF esence ne plialtigis la kotizon kvankam ĝi eldonis en la tria organiza jaro nian Bultenon kaj la afrankkostoj en 1953 plialtiĝis. Tiutempe la enspezoj permesis al ka IFEF-estraro eldoni kvarpaĝan Bultenon sed okaze de la kvinjara jubileo ĝi eldonis dudekpaĝan kaj poste ĝi restis pli ampleksa ol normale. Estas ĝojige, ke nia organo tre plaĉas al niaj gelegantoj en- kaj ekster nia rondo sed la IFEF-estraro havas la devon atenti la financan flankon. Por ke nia organo povu disvolviĝi laŭ amplekso kaj enhavo, la ĉefestraro estas devigata plialtigi la kotizon malgraŭ la kasista raporto montras ŝaldon kontentigan. Fakte la diferenco kompare kun la nuna kotizo estas bagatelaĵo kaj kelkaj landaj sekcioj jam libervole pagis la nun proponitan kotizon. Ni nepre fiksu novan kotizon, kiu estu pli alta por ke la ĉefestraro povu daŭrigi la laborojn kiel antaŭe.
La kongreso akceptas kompromizon kaj fiksas la kotizon je unu guldeno nederlanda jare por ĉiu ano. Izolaj membroj pagu do kvar internaciajn respondkuponojn jare. Por stimuli la adoptadon de gekolegoj en landoj, el kiuj oni ne povas sendi monon eksterlanden, la ĉefestraro konsentas, ke provizore la adapto restu 3 internaciaj respondkuponoj jare.
La kompromizo estas akceptata kondiĉe, ke la landaj sekcioj, kiuj ĝis nun pagis pli altan kotizon ankaŭ faru tion en la venontaj jaroj.
Fino de la Unua laborkunsido.
Dua laborkunsido, merkrede la 11an de Majo:
La prezidanto tutkore bonvenigas S-ron Mollion el Parizo, prezidanto de la Unuiĝo arta kaj intelekta de la Francaj Fervojoj, krome prezidanto de la Internacio de tiuj Unuiĝoj. Ekde la jaro 1947 li regule ĉeestas en nia rondo kaj kongresoj kaj kore kaj anime subtenas nian movadon.
S-ro Mollion: Por lerni Esperanton mi estas jam tro maljuna, tamen mi komprenas la neceson de Esp-o por la paco inter la popoloj. Kiel prezidanto de FISAC en kiu organizaĵo oni nun parolas diversajn lingvojn, mi esperas, ke tio okazu estontece en Esperanto. Tio estas necesa por havi plenan komprenon. Nome de la Arta kaj Kultura Organizo li promesas, ke grava artikolo aperos pri tiu ĉi kongreso.
Pro la favoraj vortoj la prezidanto de IFEF dankas S-ron Mollion.
Propono 3a pri Regularŝanĝo:
Labordus (Nederlando) proponas forstreki la lastan parton pri la kotizo de novaj membroj aliĝontaj en la daŭro de la kuranta jaro. Art.12a do restu neŝanĝita sed la novaj membroj aliĝontaj post la 1a de Januaro pagu la normalan jarkotizon. La propono de Labordus estas akceptata.
Estrarelekto: punkto 7a.
F-ino Lemonnier (Francio) proponas reelekti la tutan estraron ĉar ĉiuj estas kontentaj pri la nuna estraro. Aplaŭde la kongreso akceptas.
LOK, la sekretario, kun akcento avertas la delegitojn serĉi novajn fortojn por la estrarfunkcioj. Estos verŝajne, ke la nuna estraro povos resti ĝis la Deka kongreso en 1958a sed tiam ĉiuj estraranoj estos 60

jaraj aŭ eĉ pli aĝaj. Post la morto de nia kolego Wissink unu loko en la estraro restis vakanta sed elekto de anstataŭanto signifus nur kompletigon provizoran ĉar mankas juna sango. Ni vidu la realon ĉar estus ja bedaŭrinda fakto se nia laboro estus interrompata pro tigo. La temne tre urĝas kaj mi estas certa, ke taŭgaj fortoj estas je nia dispono por daŭrigi tion, kion ni komune faris en la pasintaj jaroj.
Sekeres (Jugoslavio) partoprenis en Verona por la unua fojo IFEF-kongreson, kiu estis por li grava instigo. Nun estas en Jugoslavio sekcio. Kiel rekompenco por la grava apogo la Jugoslavia sekcio donacas al la ĉefestraro belegan ujon por skribmaterialo, fabrikita de fervojisto. La prezidanto danke akceptas la belegan objekton.
Elekto kaskontrolkomitatano, punkto 8a:
La prezidanto kore dankas la eksiĝantan komitatanon, W. Hoogendyk, pro la precize farita laboro kaj proponas kiel novan kandidaton, kolegon R. Damen el Amsterdamo. La kongreso akceptas.
Elekto de konfliktkomitato, punkto 9a:
La kongreso akceptas la reelekton de la komitato, kiu konsistas el la kolegoj: Hartjen ( Germanio), Thorstedt(Danio) kaj Bouwkamp ( Nederlando.
Punkto 10a. Ohlsson nome de la Sveda sekcio invitas la 8an kongreson en Stokholmo. Forta aplaŭdado respondas la inviton. Zacconi tamen proponas, ke la 8a okazu en Jugoslavio kaj la 9a en Stokholmo, pro tio, ke la UEA-kongreso ankaŭ okazos en skandanavia lando, nome, Kopenhago ( Danio). S-ro Steiner invitas la 8an al Vieno. S-ro Ohlsson (Svedio) respondas, ke la Sveda sekcio jam faris multajn preparojn kaj jam ricevis promesojn pri subvencioj. Pro tio la kongreso akceptas kun fortaaplaŭdo la inviton de la Svesa delegito. Pri la dato LKK interkonsentos kun la ĉefestraro.
Por la provizora kongreso en 1957a Sekeres invitas la 9an kongreson al Jugoslavio. S-ro Steiner ( Aŭstrio) proponas okazigi tiun kongreson en du partoj, en Jugoslavio kaj Aŭstrio. Laŭ diversaj parolintoj tio ne estas rekomendinda. Post la diskutoj pri tio la kongreso unuanime kun aplaŭdo akceptas la inviton de Jugoslavio.
Kolego Brandstrup (Danio) ne deziras malfruiĝi kaj jam invitas la 10an kongreson al Aarhus, ĉar ĝi estos jubilea kongreso kaj la 1a IFEF-kongreso ankaŭ okazis en Aarhus. S-ro Zacconi (Italio) jam parolis pri la 11a kongreso en bologna.
La vojaĝanta ekspozicio:
Pro familiaj cirkonstancoj la iniciatinto, S-ro De Bruyne (Belgio) ne ĉeestas. Al kelkaj delegitoj la afero ne jam estas tute klara kaj deziras pli detalajn informojn. La kongreso decidas kolekti materialon en ĉiuj landoj, akceptas la sugeston de ka sekretario daŭrigi la korespondadon pri tio kaj publikigi la detalaĵojn pri ĉi tiu afero en Bulteno. S-ro Steiner kiel estro de la Esperanto-muzeo en Vieno promesas doni materialon senpage. La kongreso decidas denove pritrakti la aferon en Stokholmo.
Libera diskutado: punkto 12a.

F-ino Lemonnier ( Francio) petas la helpon de la diverslandaj delegitoj por la aliĝo de la Artaj kaj Kulturaj Unuiĝoj al FISAC. Propagandcele ŝi parolas pri la Kultura domo *Gressilon* en Francio. La kastelo estas posedaĵo de la Franca Esp-movado en belega regiono. Ŝi instigas, ke IFEF tie iam okazigu Internacian konferencon kun kultura programo. Denove ŝi petas sendi infandesegnaĵojn pri fervojo kaj petas al la ĉeestantoj propagandi por tiu celo.
Bürger (Aŭstrio) parolas pri la propagando por Esperanto. En Aŭstrio oni multe faris sed plej taŭga montriĝis la buŝa propagando.
Giessner (Germanio) petas sendi post la uzado la infandesegnaĵojn de Francio al Germanio. Li proponas dum interŝanĝo de infanoj de fervojistoj uzi komunan lingvon kun helpo de esperantistoj, tiu lingvo estu Esperanto. Laŭ la spertoj la lingvaj baroj donas multajn malfacilaĵojn. La IFEF-estraro skribu oficiale al Direkcioj kaj Administracioj, en tio estas certe granda propagando por Esperanto. Li parolas pri Esperanto kiel hejma lingvo, la patro alparolu la infanojn en Esperanto. Ekzistas jam Gepatra Sekcio en nia movado kaj instigas la kongresanojn fari sian eblon en tiu direkto.
LKK eldonis bonegan kongreslibron sed tamen li dezirus estontece la eldonon de modela kongreslibro. Krome li atentigas la ĉeestantojn, ke la Germana Federacia Fervojo ankaŭ aldonis unu paĝon en Esperanto en la tiel nomata *Fernfahrplan* (horareto akirebla en eksterlando).
Sekeres. (Jugoslavio) proponas propagandi interŝanĝon de infandesegnaĵoj el diversaj landoj. Pro tio jam frue oni instigu la infanojn al internacia ideo. Li tutkore dankas LKK-on pro la bonegaj aranĝoj de la kongreso.
La prezidanto de IFEF atentigas, ke ni fiksu temon por la venontjaraj fakprelegoj, post kio Hartjen proponas la temon * La laborreguloj en diversaj landoj*.
Bürger (Aŭstrio) Dankas LKK-on pro la modela kaj bonega prizorgado de la kongreso.
Bipp (Svisio) kiel prezidanto de LKK elparolas la plej varman dankon al la ĉefestraro pro la persista laboro dum la tuta jaro. Nome de LKK li donacas al ĉiu ĉefestrarano belegan libron por montri la simpation pro tio. Longdaŭra aplaŭdado sekvis.
La prez. de IFEF dankas tutkore pro la belega donaco kaj esperas ĝui dum la legado la libron, ĝi estas tre valora memoraĵo.
F-ino Lemonnier (Francio) opinias, ke kvankam la nombro da partoprenantoj ne estas tiom granda kiom la antaŭa jaro, tio ne koncernas la gravecon de la kongreso. La kongreso en Zürich estas altnivela kaj sukcesplena, ŝi tutkore dankas LKK-on pro la bonega laboro.
Zacconi ( Italio ) plene substrekas la vortojn de F-ino Lemonnier.
La prez. de IFEF respondas la parolintojn laŭvice dankante pro la sugestoj kaj novaj ideoj. Li laŭdas la aktivajn propagandistojn por nia komuna afero kaj certigas la ĉeestantojn, ke la IFEF-estraro ĉiam estas preta subteni laŭpove realigeblajn klopodojn. Tamen ne eblas okupi sin pri interŝanĝado de infangrupoj, pri tio okupu sin la landaj sekcioj. Loko en Bulteno estos disponebla por tio. Pri modela kongreslibro ni

lasu la elekton al LKK, ili ja povas kompari la diversajn el la antaŭaj kongresoj. En tiu ĉi kongreso ĉio ja estis en bonordo kaj granda laŭdo meritas LKK.
O.Walder ( Svisio) nome de LKK diras, ke la laboro de la ĉefestraro postulas multe da horoj. Li laŭdas la edzinojn de la estraranoj ĉar ili oferas multon por nia movado. Tial li donacas al la edzino pro ilia sindonemo skatolon da bombonoj. *Forta kaj longdaŭra aplaŭdo*.
Nome de la edzinoj kolego Hoogendyk (Nederlando) tutkore dankas LKK-on pro la tre interesaj ekskursoj. Ili multe ĝuis kaj laŭdas la bonan kvaliton kaj aranĝojn de la manĝaĵojn en la kantinoj.
De Jong, ĉefestrarano, proponas kiel temon por la fakprelegoj en Stokholmo: * La laborkondiĉoj de la fervojistoj*. Aprobita de la kongreso.
La Prez: Ni atingis la finon de la kongreso kaj kiam ni alvenis en Zürich ni jam sentis la akuratan preparadon de ĝi. Nome de ĉiuj mi kore dankas LKK-on kaj la aro da kunlaborintoj.
Pri la ĝenerala situacio ni ne tute povas esti kontentaj ĉar grava tasko ne ankoraŭ estas tute preta, nome, la terminaro. Ni tamen persiste daŭrigu. Montriĝas, ke estas grave, ke altranguloj kaj eminentuloj estu en nia movado. La evoluo de nia lingvo ne iras tiom rapide kiom ni deziras sed ni progresas iom post iom. Montevideo liveris al ni gravan sukceson pro kio ni faris grandan paŝon antaŭen. D-ro Lapenna ludis gravan rolon, ni gratulas kaj dankas lin pro la atingita rezultato.
Ni ne estu tro fanatikaj rilate al ĵurnalistoj ktp, ni daŭrigi la propagandon ĉar tiel ni ankaŭ atingos la oficialajn gazetojn. La kongreso en Zürich montriĝis altnivela, ĉiam regis amikeca sfero. La kunlaboro inter LKK kaj aliaj organizoj estis tre bona, tio estu ekzemplo por ni. Ĝi estu instigo por ĉiu kunlabori kun aliaj organizoj sur nia komuna kampo. La Svedoj organizu la sekvontan kongreson laŭ sia deziro. Certe ankaŭ tiu kongreso estos sukcesplena same kiel la nuna.
Kunprenu hejmen la necesan idealismon por daŭrigi plenforte la laboron. Ni deziras al ĉiuj bonan hejmvojaĝon kaj ĝis la revido en Stokholmo ! Mi deklaras la 7an IFEF-kongreson fermita.

Protokolis E.D.

## ŜANĜO PRI BULTENO

La estraro decidis ĉijare aperigi *Bulteno-n* en la monatoj Junio, Aŭgusto, Oktobro, Decembro, Februaro kaj Aprilo.

Ĝis nun ĝi aperis en Majo, Julio, Septembro, Novembro, Januaro kaj Marto. La ŝanĝo sendube havos plurajn avantaĝojn.

Unue: la antaŭ-kongresa numero aperos en aprilo, tuj antaŭ la kongreso kaj povos anhavi eventualajn lastajn sciigojn de L.K.K.

Due : la kongresproponoj povos aperi en la februara numero. Montriĝis, ke multaj landoj ne sukcesis sendi ilin antaŭ aperigo de januara numero. Eventualaj amendoj kaj malfruaj proponoj trovos lokon en la aprila numero.

Trie: la januara numero ĝenerale tro longe restis en la presejo pro

kristnaska libertempo de la presistoj. Nun ni povos pretigi la decembran numeron sufiĉe frue antaŭ kristnasko, kaj ankaŭ la februara numero ne estas ĝenata pro iu libertempo.
En la kongreso en Stokholmo ni ekscios, ĉu tiu ŝanĝo havas la aprobon de niaj legantoj.

## KIO ESTAS E.K.I.K.?

La Esperantaĵojn Kolektanta INTERNACIA KLUBO * E.K.I.K. estas fondita en Nov. 1953, kun la celo atentigi la Esp-istaron konservi de la pereo la diversajn esperantaĵojn en kolektita formo. Ĝi havas 50 membrojn en 17 diversajn landoj. Aliĝkotizo estas 4 respondkuponoj kun senpaga Esp-glumarka katalogo. Membrokotizo estas 3 R.K. jare. Ĝi eldonis kongresŝtampojn. Ĝi eldonas multobligitan gazeton * La Glumark-kolektanto*, ĝia prezidanto, S-ro G.Saget, havas 3800 diversajn Esp-glumarkojn. Du membroj kune posedas 1[illegible]0 diversajn Esp-kongresŝtampojn. La EKIK fondinto, L.Obreczian, posedas 2250 diversajn Esp-glumarkojn en sia kolekto. Li petas, ke oni donacu al li ekzempleron de div. Esp-glumarkoj kaj Esp-insignoj. La lasta estas bezoneta por ke li povu kompletigi tiun ĉi tipan katalogon. Aliĝu al EKIK !
Louis Obreczian, p.o. Box 51, Waterman,PA, U.S.A.

## KLARIGOJ EN ESPERANTO EN FERNFAHRPLAN DE LA GERMANAJ FERVOJOJ

Krom la klarigoj en Esperanto en la granda horaro de la Germanaj fervojoj, aperas ĉijare ankaŭ klarigoj en Esperanto en Fernfahrplan (horareto por longdistancaj komunikoj), kiu estas akirebla en ĉiuj vojaĝoficejoj en eksterlando. Ekzemple Amsterdamanoj povas aĉeti la horareton en la Germana vojaĝoficejo, N.Z. Voorburgwal 270, kiu tiom bonvole al ni sendis ekzempleron.
Niajn germanajn fakkolegojn ni kore gratulas pro la sukceso sed samtempe ni direktas al la Germana Direkcio nian sinceran dankan pro la praktika propagando por nia ŝatata lingvo.
Niaj gemembroj skribu dankesprimon al la ĉefasministracio de la Germana Federacia Fervojo, Platz der Republik 1, Frankfurt (M), Germanujo.

## *LA VOJO*, HIMNO DE D-RO ZAMENHOF KUN MUZIKNOTOJ REELDONIĜIS

La Frisa Esperantista Rondo en Leeuwarden reeldonis la elĉerpitan kanton * La Vojo *, unuvoĉa kun piano-akompano de Frieso Moolenaar.
La eldono estas belaspekta kaj ni rekomendas ĝin al niaj kantemuloj.
La prezo estas po 25 nederlandaj cendoj, ĉe mendo de minimume 50 ekzempleroj la mendinto ricevos 20% da rabato. Pagojn kaj mendojn oni sendu al S-ro Y.P. Kingma, Koekoekstraat 8, Leeuwarden, Nederlando.